# PENSEO

N-ro 343
maj. / 2020

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 31-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Profundan funebron al s-ro Hu Guozhu

***S-ro Hu Guozhu (1938-2020),*** *fama ĉina esperanta verkisto kaj tradukisto, forpasis hieraŭ. Mi dediĉas al li la ciklon da rondeloj, kiun mi verkis antaŭ pli ol dek jaroj, por esprimi mian profundan funebron.*



## Rimportreto Guozhu

I.

Guozhu, patro de ĉinesk' amema,
iniciatinto diligenta,
per kreiva kapablo talenta,
ĉiam penas en ĝarden' poema.

Li kultivis kun klopod' prisema
pra-ĉinekajn idojn zorgosenta.
Guozhu, patro de ĉinesk' amema,
iniciatinto diligenta,

la novulojn por prosper' verdgema
elbakadas kun saĝec' prudenta,
cele al perfekto fin-momenta,
daŭre marŝas jen per forto rema.
Guozhu, patro de ĉinesk' amema.

II.

Guozhu, de vulp-feoj la fleganto,
tradukadis Liaozhai kun fervoro.
Mirrakontojn, kun zorgema koro,
li volvis per vest' de Esperanto.

Ĉizis, pec' post peco, li en kvanto
kvin cent ŝvita, pena en laboro.
Guozhu, de vulp-feoj la fleganto,
tradukadis Liaozhai kun fervoro.

Fosis li senhalte en konstanto
el la ĉina kultura trezoro
diligente, pene, sen langvoro,
por E-lingv' de fajna eleganto.

Guozhu, de vulp-feoj la fleganto.

III.

Guozhu, senlaca verkant' fruktdona,
verkas, skribas vere kaj sincere.
Laŭdas bon-aferojn li prefere,
pikas mavon li per bat' bastona.

Popularas lia lingvo bona,
oni legas ĝue, laŭlitere.
Guozhu, senlaca verkant' fruktdona,
verkas, skribas vere kaj sincere.

Kiel erudito ĉiokona,
Li verkadis vole kaj libere,
Serioze aŭ prikonsidere,
por movado espera, impona.

Guozhu, senlaca verkant' fruktdona.

IV.

Guozhu, elokventa oratoro,
kuraĝigas kaj inspiras vere

aŭskultantojn per parolvaloro,
kiu fluas el la kor' rivere.

Por afero nia, kun favoro,
li pledadas firme kaj ŝtalfere.
Guozhu, elokventa oratoro,
kuraĝigas kaj inspiras vere.

Paroladas li kun varma koro,
Ovacioj ondas enaere
kaj aplaŭdoj krake prospere,
dank' al liaj pio kaj fervoro.

Guozhu, elokventa oratoro.

V.

Guozhu, la rima pentrist' elstara,
por amikoj verdaj de intimo,
pentras bildojn jen per versa rimo,
kun konturo delikata, klara.

Bildoj de l' personoj ordinaraj
povas veki fervoron sen limo.
Guozhu, la rima pentrist' elstara,
por amikoj verdaj de intimo,

pentras bildojn per ektuĉo kara,
per la kolorriĉa vers-esprimo,
kun elkora, sincera estimo,
kun favor' al ili senkompara.

Guozhu, la rima pentrist' elstara.



*Verkis*



## Vejdo (Ĉinio)

## Tiberio Madonna (Italujo)



### LARMO

Larmo da amo
iĝas sango iĝas vino poste vinagro
kaj poste vaporeliĝinta
lasas sian tamenan signon
ĉiamrestontan
en la vivoglasoj el kristalo
ĝis la tempo kiam
la tempo
estos ilin rompinta
en milojn da eroj
polvaj.

### MIA NOKTO

Kaj kiam ĉi tiu nokto de l' mondo
falos teren forkonsumita
blindigita
far la lumoj de la spiroj profundaj
kaj de la manoj
intertuŝiĝantaj sen timo
mia nokto
plu min brakumos
kun la forto de polpego
el la mallumo de l' abismoj profundaj.

Sen iu fino.

Alkroĉita al la muro de mia koro
kun la kadro lazura
la memoro de mia tago
neniam plu revenonta.

## Hans-Georg Kaiser (Germanio)



### Poemo pri kolera pomo

Temas pri vi, temas pri ni—
ne plu manĝu, hom', de mi!
Min ne manĝu kun obstino,

tio estus mia fino!



Temas pri mi, temas pri ni—
hom', ne manĝu plu de mi!
Mi ja provis vin kompreni,
sed ne povas min deteni!

Temas pri ni, temas pri mi—
kanibalo estas vi!
Min ne voru, homo fia!
Mi ne estu manĝo via!

## Rita Mkrtchyan (Armemio)



### ESPERANTO EN NIA VIVO!

Ni fantaziu novan landon,
Ĉi-tie, sur la tero nia,
Jen, sekvaj vortoj plu ne sonos en la lando,
La mort', malsano kaj malamo.

Juneco estos bela kiel kanto,
Vizaĝo ridetema ne sopiros pro malĝojo,
Beleco vivos kun kaj en la homoj,
Komprenos ĉiuj la saĝegan, bonan.

En land' neniu semos la militon,
Matene la fenestron frapos birdo gaja,
La koroj homaj batos unisone en la amo,
Ho land', se estus vi reala!

* *

Ekfloris arbo ĉe fenestro mia,
Sur branĉoj - etaj ĉarmaj floroj,
Demandis mi, ĉu vi ne scias,
Ke sur la ter' suferas homoj?

Ĉagreno kaj timego regas,
Esper' kaj kredo resti penas,
Respondis arbo kun sopiro
—Printemp' en sia temp' alvenas.

—Sed, krom' malsan', militas homoj,
Malbonon kaj kruelon semas,
—Ne ploru, diris blanka arbo,
Post vintro, la printemp' alvenas.

—Verdiĝas tero, ĉio floras,
Sed kiam sun' al ni ridetos?
Klinigis branĉojn bela arbo
—En vivon, la printemp' revenos!

## Papos Nascentes (Brazilo)



### Kvantuma Salto

en la muzika gamo
kie movigas poezi'
tono-nuanco vidigas
malgrau ajna malagordo
jen melodia apogo
jen pli forta harmoni'

jenas danco em versoj
versoj ech frakas-piedaj
vuale kurboj kvadratas
jen kvadratigo de cirklo
distil' de dolor' - poezi'

tono supra aŭdiĝata
nova arangho kanzona
individua silentig'
dele al l' individuig'
parolas nun univers':
en kolektiva uni'

chu saltos ja lá poem'
kvantume jes aŭ ne!
chu aroganta elektron'
individuigas mi
ni kaj tuta la fratar'!

### Transe prezente

Longigu antaŭkareson. Kore.
Plene. Spire.
Longigu l' orgasmon aliulan

se la via kurtas.
Blovu. Ame. Longe. Ĝoje.
Blovspiru ĝisvibre. Ĝiskerne.
Ĝisfunde.
Denove spiru. Ĝis blov'.
Longigu l' vibron. Ĝis anim'.
Estu vi Blovo. Tio vivigu vin.
Plenanim'. Pliigu vian konscion.
Ĝis Tutplena Konscio.
Tio. Io. Plenmalpleno.
Ĉio. Konscio. Io.
Esto estu. Restu. Festu. Ĉeestu.

## Wel CR (Brazilo)



### LA MAPO

La mapon de la urbo mi rigardas
kiel iu ekzamenanta
la anatomion de homa korpo...

(Eĉ ŝajnas mia korpo!)

Al mi neimageble doloras
ke certajn stratojn de Portalegro
mi neniam laŭiros...

Sennombras la strangaj anguloj,
ties murnuancoj,
sennombras la logaj knabinoj
en la stratoj kiujn mi ne laŭiris!

( Kaj estas certa sorĉa strato kiun eĉ
sonĝe mi ne sonĝis... )

Kiam, ĉeokaze, polvan aŭ folian
min prenos la vento tra la nokto,
tiam mi iom estos parto
de tiu nevidebla nenio, delica,

Kiu igas vian aeron pli aspekti rigardon,
tenera mistero amora,
urbo de mia trair'
( De jam tiel longa trair' ! )

Kaj eble de mia ripozo...

## Ĉuisto (Ĉinio)



### Flugu, alaŭdo

—aprecado pri pentraĵo *Alaŭdo sur tritikokampo* de Van Gogh

Vi povos flugi pli alten.
Vi rigardas la ondantan tritikkampon senliman foran horizonton
kaj alian unu aŭ eĉ aron da alaŭdoj
traflugi super tritikokampo ĝis en nubojn.
Vi povos rapide plonĝi el nuboj
kaj reflugi super tritikokampon
kaj ŝvebi sur al verva mondo orkolora
aŭ libere rondfluge flirti kaj libere triladi.
Vi povos flugi tre malalte
kaj viaj flugiloj tanĝos folipintoj de tritikoj
kaj descendos meze de tritikoplantoj,
kaj kaptos akridon saltantan per via fortika ungeto.
Flugu, alaŭdo! Al vi apartenas la tritikkampo kun vigla viveco.
Flugu, alaŭdo, per etenditaj flugiloj!
La alta lazura ĉielo apartenas al vi!
Mi aŭdas vian orelplaĉan triladon kun patoso.
Ho, alaŭdo!
Vi certe kantas la kanton
pri la ondanta tritikkampo kaj la vasta tero,
flugante trans la montoj kaj la riveroj.

## Siv Burell (Svedio)



### Esti pensiulo

Oni diras, ke pensiuloj havas tempon
por kafumado,
por kruzvortado,
por hundpromenado,
por naturvagado,
por genepa lulado

por doni al gepatroj trankvilon.

Mi estas pensiulo de kelka tempo
sed la okupoj proponitaj al ni
certe ne validas por mi.
Mi ne zorgas genepojn,
ne plantas ruĝajn cepojn,
ne televidas, do la kialojn
mi havas: jen, deziro al propra tempo

## Elena Popova (Bulgario)



## Enigmoj

Stranga blanka monto
naĝas en oceano.
Pro famo malbona
(portas morton ),
neniu ŝip'celas
al renkonto
kun

( glacimonto)

Nur por la sciancistoj
estas normale
spiti al fatalo
en

( ĝangalo)

Kiam estis buboj
ĉu ili iam dubis
kiu kiu estas –
egalaj gestoj,
egalaj vestoj…
Eble la sort' sendas
donacon ĉielan
al la

(ĝemeloj)

Kiu tiktakas
sur nia brako
aŭ en la domo?
Kiu ne dormas
kaj nin informas
pri la horo?

(horloĝo)

La sorĉata publiko
en la halo ne spiras.
Vibras la kordoj,
kvazaŭ suspiras
de l' tenera tuŝeto.
Ĉu preĝas al Dio
kaj helpon petas
la

(harpo)?

## Yu Xiuhua

## Mi amas vin

mi avidas vivi: ĉiutage ĉerpi akvon, kuiri kaj
pilolojn gluti...
en serena tago mi eĉ metas min en la sunbrilon,
kiel oranĝoŝelon.
Mi alterne trinkas teojn krizanteman, rozan,
jasmenan, citronan...
tiuj ĉi belaĵoj trenas min al la voj' de
printempo.
do, pro tio mi multfoje premas neĝon plu en
mia koro,
ĝi ja estas tie blanka, simila al koloro de
printempo.
en pura korto mi legas viajn poemojn,
l' amo en la mondo ŝajnas preterfluginta
pasero
tamen la tempo brilas, al mi la korŝiro nun ne
taŭgas
mi ne volos sendi poemaron, se mi sendus al
vi libron,
sed ĉi tiun nur pri botanik' kaj pri grenplantoj,
kiu diras al vi l' diferencojn inter rizplantoj
kaj loloj,
kaj pri tio kiel unu lolo dronas en
maltrankviliĝo
en la printempo

*Elĉinigis*



## Ardo (Ĉinio)

## Lin Huifang

### Herbeto

Mi neniam ŝatas pompon belan,
sed diskreskis sur la vasta tero.
Miaj ŝosoj mire elŝoviĝas,
kiam venas varma primavero.

*Elĉinigis*

**Ĉuisto (Ĉinio)**

## Mimoza Ahmeti



### Via pasio

Diru min, kie do iris via pasio?
Diru min, kie do estas ties insistemo?
Tiu fera pacienco
Per kiu ĝi movas eĉ la tempoakson.

Ne trompos min en la espero,
Ne rompos la donitan parolon!

Se ni ligus lin per longaj ŝnuroj de la soleco,
Kaj en la abismojn de la malplenaj koroj
forĵetus,
Centoble li resurektus,
Kvazaŭ la suno li proklamiĝus,
Viva,
Puncanima,
Via pasio!

### Kanzono por Ljuis Ljak

La vojo kiel la vojo,
Kun ĝiaj teruraĵoj.
Vi ne ekiru,- diras vi,- jam nun
Por mi estas ja teruro
Ne fari kion mi volas
Ĉar mian plezuron mi sekvas
Kaj neniun mi demandas

La milito kiel la milito
Kun ĝiaj tomboj
Vi ne mortigu,- diras vi, - estas ja tiom
juna.
Pri la morto kiu scias
Sed eĉ se ni scius
Mian plezuron mi sekvas
Kaj neniun mi demandas.

La kanzono kiel la kanzono
Kun ĝiaj krioj.
Vi ne kantu, diras vi, - en ĉi tiu funebro.
La kanzono apenaŭ haltiĝas,
Sed eĉ se oni ĝin haltigus,
Mian plezuron mi sekvas,
Kaj neniun mi demandas.

*Elalbanigis*



**Bardhyl Senimi**

**(Albanio)**

## El Ĉina Antikva Poezio

### Yan Jidao (1030?-1106?)

**—laŭ melodio *Monta kratago***

Mia sopir' al hejmloko
ŝvebas trans montoj plejofte
je la alvoko
de miaj animo kaj koro.
Fiŝoj kaj sovaĝanseroj* verŝajne
kaŝas sin pigre vere sen laboro,
hejmaj mesaĝoj malmultas ekstreme.
Miaj tempioj kovriĝas per griza hararo
iom post iom pro mia sopiro
al ŝi kaj l' hejmo ĉiam en mensmaro.

Kiam en sonĝo reiras
mi sub fenestron farbitan helverde,
mi al edzin' mia diras,
ke la hejmloko pli bonas ja certe

ol en la mond' ie ajn aparte,
kaj mi preferas restadi kun ŝi,
se nur ni vivas bonfarte
kaj harmonie ja en famili'.
*En antikva Ĉinio oni uzis fiŝon kaj
sovaĝanseron por sendi leterojn.

**—laŭ melodio *Reveno de amato***

La restantaj pudro kaj parfumo,
kiujn iam ŝi eluzis,
samas jam ankoraŭ en nuno,
kiel ili estis, netuŝitaj.
Sed en ŝia kor-brakumo
amo al mi ardas ja des malpli.
Dum printempo nur en sumo
kelkaj leteretoj, kaj eĉ raras
ŝiaj alskribaĵoj en aŭtuno.

Litkovrilo kun feniks' brodita fridas,
kapkuseno kun ambirdoj desegnitaj
min sentigas sola kaj iritas.
Nur konsolas vino mian splenon.
Eĉ se sonĝ' konfidas
renkontiĝon al mi kun ŝi,
ĝi nur tute senvalidas.
Mi eĉ ne toleri povas,
dum mi ŝin en sonĝo vidas.

**—laŭ melodio *Silk-lava-rojo***

Ĉiutage mi min ŝminki penas
por klientojn plaĉi,
kaj mi danci ne ĉagrenas
kiel salikflokoj fole flirtas.
Tamen mi neniel dandon prenas
kiel edzon, kiu jen diboĉas
jen prodigas. Mi lin abomenas.

Vinogutoj ventumilon ŝmiras
dum dancado kaj amindumado.
Kiel akompan-knabin' mi iras
kun kliento inter floroj kun aromo.
Tamen tra l' printemp' suspiras
mi lamente pri l' mizera vivo
kaj larmperloj miaj mian koron ŝiras.

**—laŭ melodio *Sopiro al fora homo***

Folio ruĝas, flaviĝas floro,
malfrue en la aŭtuna tempo.
Sopiras mi al amat' en foro.
Forfluas nuboj senĉese pase,
sovaĝanseroj ne portas al mi
leteron lian jen en ĉi horo.
De kie povus mesaĝon lian
akiri mi de li kun vag-koro?

Ĉe la fenestro faligas mi
larmerojn, kiuj gutadas suben
en inkoplaton, mi kun anksi'
preparas inkon jen kun larmgutoj.
Mi skribas morne leteron al li.
Linio ĉiu kunhavas senton
sinceran mian, papero ruĝa
fariĝas pala sen mia sci',
pro malsekig' de mia larm-stri'.

*Elĉinigis* **Vejdo (Ĉinio)**

## Li Yi (750 - 830)

### Ĝojo renkonti la kuzon kaj bedaŭro lin tuj adiaŭi

Post la disiĝ' dekjara pro milito,
Surprizas min junulo per vizito.
En miro ekkoninte noman vian,
Mi rememoras trajton la naivan.
Vespere la babilon rompas son' de
La sonoril', pri kio pasis monde.
Kaj dum al Baling morĝaŭ vi foriros,
Kiom l' aŭtunaj montoj vesuspiros?



## Li Yi (750 - 830)

### Melodio sude de Janzi-rivero

Pri edziniĝo al la komercisto, Qutang-ano,
Ĉiam perdanta reventempon, mi bedaŭras vere.
Se antaŭscius mi pri akurato de la tajdo,
Al surfemulo mi do edzinigus min prefere.

## Yuan Zhen (779 - 831)

### La vic palaco

En la dezerta vic-palaco
Florar' soleca flame ruĝas.
Nur blankaharaj damoj side
pri l' reĝ' iama babiljuĝas.

## Liu Changqing (ĉ.726 – ĉ.786)

### Adiaŭ al la altestimata bonzo

Simila kiel sola nubo kaj sovaĝa gruo,
Kiel vi povus vin loĝigi en la homan mondon?
Ne iru al Wozhou'o por aĉeti ermit-monton,
Nuntempe oni jam interesiĝis pri l' situo.

*Elĉinigis*



**Minosun(Ĉinio)**

## Liu Changqing (ĉ.726 – ĉ.786)

### Al l'altestimata bonzo

Vi ŝajnas nubo aŭ sovaĝa gruo,
ne plu vi vivu en ĥaosa mondo,
nek loĝu ankaŭ en la Wozhou-monto,
frekventas oni tien kun voĉ-bruo.

## Wen Tingyun (ĉ. 812—866)

### Al orienta amiko

Jen folioj flavaj falas sur dezerto,
Vi forlasas la pasejon kun majesto
Hanyang-bordo sin dronigas en tempesto,
Yingmen-monto sunbaniĝas en mildverdo.
Ĉu amikoj vin atendas en la foro?
mi sopiras vian venon kun sincero.
Kiam min ĝojigos via reapero,
do ni trinku vinon kune en fervoro!

*Elĉinigis* **Ardo (Ĉinio)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DUDEK-UNUA

## Tian Zifang

**§21-09**

Liezi montras al Bohun Wuren sian lertecon en arkpafado. Kiam li plenstreĉis la pafarkon, oni metis tason da akvo sur lian maldekstran kubuton kaj li pafis la sagon. Apenaŭ la unua sago estis pafita, la dua jam estis sur la ŝnuro; apenaŭ la dua sago estis pafita, la tria jam estis sur la ŝnuro. Dum la tuta tempo li staris tiel rekte kaj senmove, kiel statuo.

"Tio estas pafado per absorbita menso," diris Bohun Wuren, "ne pafado sen absorbita menso. Ni do supreniru sur altan monton kaj staru sur la rando de krutegaĵo, kun la vizaĝo turnita al abismo profunda je cent *ĵen*-oj. Ĉu vi tiam ankoraŭ povos fari arkpafadon?"

Poste Bohun Wuren supreniris sur altan monton kun Liezi kaj sin lokis sur la rando de krutegaĵo, kun la dorso turnita al abismo profunda je cent *ĵen*-oj. Li retropaŝis, ĝis la du trionoj de liaj du piedoj elstaris for de la rando. Li invitis Liezi veni apud lin kaj fari pafarkon tie. Liezi estis tiel terurita, ke li kuŝis surventre sur la tero, tutkorpe kovrita de ŝvito.

Bohun Wuren diris: "La perfekta homo povas pririgardi supre la lazuron kaj mezuri malsupre la nadiron de la tero. Li vagadas en ĉiuj direktoj de la

universo sen la plej malgranda ŝanĝiĝo de la mieno. Nun ke vi estas tiel terurita, ke preskaŭ perdita estas via sinregado, kompreneble tre malmultaj estas por vi la ŝancoj trafi la celon!"

**§21-10**

Jian Wu demandis Sun Shu'ao:

"Trifoje vi estis nomumita la ĉefministro, sed vi ne sentis vin glorigita; trifoje vi estis eksigita el via ofico, sed vi ne sentis vin deprimita. Komence mi ne volis kredi tion, sed nun mi vidas, kiel senzorga kaj ĝoja vi estas. Kiaj do estas viaj veraj pensoj?"

"Kiel mi povus esti supera per io al la aliaj!" diris Sun Shu'ao. "Mi pensas, ke la nomumado ne estas rifuzebla, nek la eksigo evitebla. Ili tute ne dependas de mi, kaj tial mi ne devas senti min deprimita tiam, kiam mi estas eksigita. Kiel mi povus esti supera per io al la aliaj! Cetere, mi ne scias, ĉu la gloro loĝas en la ofico aŭ en mi. Se la gloro loĝas en la ofico, ĝi havas nenian rilaton kun mi; se la gloro loĝas en mi, ĝi havas nenian rilaton kun la ofico. Kun plena kontenteco, direktante mian rigardon en ĉiuj direktoj, mi plenumas miajn devojn. Kiel mi povus havi liberan tempon por konsideri miajn personajn gajnojn kaj perdojn?"

Aŭdinte tiun respondon, Konfuceo diris:

"En la antikveco, la veraj homoj ne lasis sin persvadi de plej saĝaj homoj, nek lasis sin tenti de belulinoj, nek lasis sin prirabi de rabistoj, kaj eĉ la suvereno Fuxi kaj la Flava Imperiestro ne povis intimiĝi kun li. La vivo kaj la morto, kiel ajn gravaj ili estas, ne povis ilin influi, por ne paroli pri tiaj bagateloj kiel la rango kaj la salajro! Ilia menso vojaĝis trans la montojn sen ia ajn baro. Ili plonĝis en profundan abismon sen malsekiĝi. Ili okupis tre malaltan situacion sen deprimiĝi. Ilia spirito estis ĉie en la mondo. Ju pli ili donis, des pli ili riĉiĝis."

**§21-11**

La reĝo de la regno Chu sidis kun la princo de la regno Fan. Post momento la ministroj de la reĝo, kiuj apudestis, plurfoje rememorigis al la reĝo, ke la regno Fan jam pereis. La princo de Fan diris:

"La pereo de la regno Fan ne signifas, ke ankaŭ mi pereos. Se la pereo de la regno Fan ne signifas, ke ankaŭ mi pereos, do la ekzisto de la regno Chu ne signifas, ke ĝi ekzistos. El tiu ĉi vidpunkto, la regno Fan ankoraŭ ne pereis, dum la regno de Chu iam ne ekzistis."

*Elĉinigis*



## Wang Chongfang

## (Ĉinio)

# Ĉineske

## Guozhu (1938-2020)

***Guozu** estas iniciatinto de ĉinesko. Okaze de funebrado pri lia forpaso ni elektis kelkajn ĉineskaĵoj el lia fruperioda kreado kaj aperigas ilin ĉi tie por esprimi nian respekton al li.*

*Redakcio*

## Fasko da Sopir-al-sudoj

Petaloj
falas senbrue
en ĝarden'. Trans kurteno
pluvadas continue
kaj silke blue.

(1973-01-03)

Ĉu fajro
sovaĝa povas
forleki herbojn? Ho ne!
Jen vent' printempa blovas,
kaj herb' jam novas!

(1973-01-03)

Suferis
ĉiam turmente
patriot'. Dum filistroj
vivon ĝuis kontente,
indiferente.

Post pluvo
ĉu begonia
restas la sama? Sciu!
nun grasas nur folio,

krome nenio.

Kamparon
kisas ĉielo,
kaj ĉarma luno tentas
boaton en rivero
per sorĉa belo.

## Vejdo (Ĉinio)

### FUNEBRE PRI GUOZHU

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*
El ĉiel'
falis brila stel',
perdinte lumon verdan
tra la profunda eter'
ĝis la fremda ter'.

Ve, Guozhu,
vi hastis vere
rapide, lasinte nin
amikaron pretere
kvazaŭ aere.

Sufiĉe
ne ĝuis sate
ni amikecan senton,
ne kunlernis laŭŝate
nek vivis frate.

Verkaron
vi lasis al ni,
sed ne nin akompanis
en legad' de poezi'
kun beletra sci'.

Ĉineskon
vi la unua
enkondukis kuraĝe,
persistadis senskua
en kread' plua.

Poemoj
el via plumo
fluadis tag-post-tage,
jam ĝis dika volumo
kun granda sumo.

Tradukoj
viaj plaĉas jen
al ni en bona stilo,
tre facilaj en kompren',
sen ajna leg-pen'.

Ljaŭĝaj-an*
rakontojn kun pen'
vi tradukis multjare.
Videblas ja l'entrepren'
de granda dojen'.

Ve, Guozhu,
por Esperanto,
vi jam faris multegon
en ĉina verda lando
sed ne por vanto.

Spirito
via inspiras
nin ĉiam dum nia viv'.
Ni ja antaŭeniras,
sen ĉes'akiras.

Trankvilu
vi, kara Guozhu.
Ni daŭrigu l' aferon,
propran sulkon ni fosu
kaj ne ripozu!

*Ljaŭĝaj aludas la libron "Strangaĵoj de Liaozhai tradukita de Guozhu.*

## Jadranka Miric (Serbio)



### Ovino Marta

Ekfloris
ve, papavetoj.

Subite tra freŝa aer'
ekŝvebis neĝeretoj
kiel plumetoj.

Rapide
blankiĝis arbar'.
Jen,ornamiĝis pinar'
per blankobrilaj perloj
sur pinbranĉar'.

Ekknaras
subpiede neĝ'.
Freŝa surfaco frostas.
Post du tagoj moliĝo,
jen degeliĝo!

Printempo
jam surprizis nin .
Unue varmo poste
frosto atentigas nin.
Ĉu vintro sen fin'?

Ankoraŭ
unu pli surprizo.
Kvarantenon obei!
Ho,hejma paradizo.
Magia pizo**!

***Magia pizo aludas al fama monda fabelo "Princino sur la ero de pizo"*

**Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

## Fratoj Grimm

# Tri ŝpinistinoj

Estis iam maldiligenta knabino, kiu ne volis ŝpini, kaj la patrino povis diri ion ajn, ŝi ne povis persvadi ŝin pri tio. Fine la patrino fariĝis kolera kaj senpacienca tiel, ke ŝi batis ŝin, pro kio ŝi laŭte ekploris. Ĝuste en tiu momento estis preterveturigata la reĝino, kaj kiam ŝi aŭdis la ploradon, ŝi haltigis la kaleŝon, paŝis en la domon kaj demandis la patrinon, kial ŝi batas sian filinon tiel, ke oni povas aŭdi la kriadon ekstere sur la vojo. Jen la ino hontis malkaŝi la maldiligentecon de sia filino kaj diris: "Mi ne povas deturnigi ŝin de la ŝpinado, ŝi volas ĉiam kaj seninterrompe ŝpini, kaj mi estas tiel malriĉa, ke mi ne povas alporti tiom da lino."

Jen la reĝino respondis: "Mi aŭskultas nenion pli volonte ol la ŝpinadon kaj neniam estas pli plezurigita ol tiam, kiam la radoj ronronece klaketadas; donu vian filinon al mi en la kastelon, mi havas sufiĉe da lino, jen ŝi ŝpinu tiom multe, kiom plaĉas al ŝi."

La patrino estis elkore kontenta, kaj la reĝino kunprenis la knabinon. Kiam ili atingis la kastelon, ŝi kondukis ŝin supren al tri ĉambretoj, kiuj de malsupre ĝis supre estis plenigitaj de la plej bela lino.

"Nun ŝpinu al mi tiun linon!", ŝi diris, "kaj se vi kapablos ŝpini la tutan linon, vi ricevos mian plej aĝan filon kiel edzon. Kaj kvankam vi estas malriĉa, mi ne atentos tion, via nelacigebla diligento estas sufiĉe da doto."

La knabino ektimis interne, ĉar ŝi ne povis ŝpini la tutan linon, eĉ se ŝi fariĝus tricentjara kaj ĉiutage ŝpinante sidus de mateno ĝis vespero ĉe la rado. Kiam ŝi poste estis sola, ŝi komencis plori kaj sidis tiel dum tri tagoj sen movi manon. Je la tria tago venis la reĝino al ŝi, kaj kiam ŝi vidis, ke ankoraŭ nenio estas ŝpinita, ŝi miris; sed la knabino senkulpigis sin per tio, ke ŝi ne povis komenci ŝpini pro granda aflikteco pri la forigo el sia patrina domo. La reĝino akceptis tion, sed ŝi diris forirante: "Morgaŭ vi devos komenci labori."

Kiam la knabino denove estis sola, ŝi ne sciis kiel konsili kaj helpi al si, kaj iris pro sia aflikto al la fenestro. Jen ŝi vidis kiel proksimiĝis tri inaĉoj. El ili la unua havis larĝan platan piedon, la dua havis tiom grandan malsupran lipon, ke ĝi pendis malsupren trans la mentonon. Kaj la tria havis larĝan dikfingron. Ili haltis antaŭ la fenestro, rigardis supren kaj demandis la knabinon, kio mankas al ŝi. Ŝi plendis al ili pri sia mizero, kaj pro tio ili ofertis sian helpon kaj diris: "Se vi invitos nin al la nupto, se vi ne hontos pro ni kaj nomos nin viaj kuzinoj kaj ankaŭ sidigos nin al via tablo, tiukaze ni pretos forŝpini la linon, kaj tio dum mallonga tempo."

"Elkore volonte", ŝi respondis, "envenu do kaj tuj komencu la laboron."

Ŝi enlasis la tri strangajn inojn kaj estigis en la unua ĉambreto malplenan lokon, kie ili sidiĝis kaj komencis ŝpini. Unu el ili tiris la fadenon kaj tretadis la radon, la alia lekis la fadenon, la tria turnigis ĝin kaj batis per fingro sur la tablon. Kaj tiom ofte, kiom ŝi batis, falis sur la plankon ŝpinataĵo, eĉ de la plej fajna speco. Antaŭ la reĝino ŝi kaŝis la tri ŝpinistinojn kaj montris al la reĝino, tiom ofte, kiom tiu vizitis ŝin, la kvanton de la ŝpinita lino. Tiel, ke la reĝino ne povis laŭdi ŝin sufiĉe. Kiam la lino de la unua ĉambreto estis ŝpinita, ili ŝpinis en la dua, fine en la tria, kaj ankaŭ tiu baldaŭ estis malplenigita. Tiam la tri inoj adiaŭis sin kaj diris al la knabino: "Ne forgesu, kion vi promesis al ni. Ĝi estos via feliĉo."

Kiam la knabino montris al la reĝino la malplenajn ĉambretojn kaj la grandan amason da ŝpinita lino, ŝi aranĝis la nupton kaj la fianĉo ĝojis, ke li ricevis tian lertan kaj diligentan edzinon, kaj li tre laŭdis ŝin.

"Mi havas tri kuzinojn," diris la knabino, "kaj ĉar ili bonfartigis min tiom multe, mi ne volus volonte forgesi ilin dum mia feliĉo; permesu al mi inviti ilin al la nupto, kaj ke ili sidu kun mi ĉe la tablo."

La reĝino kaj la fianĉo diris: "Kial ni ne permesu tion?"

Kiam la festo poste komenciĝis, enpaŝis la tri virgaj inoj en strangaj tradiciaj vestoj, kaj la fianĉino diris: "Estu bonvenigataj, karaj kuzinoj."

"Aĥ", diris la fianĉo, "kiel tio okazis, ke vi akiris tian abomenan amikecon?"

Post tio li iris al tiu kun la granda plata piedo kaj demandis: "De kio vi havas tian larĝan piedon?"

"De la tretado", ŝi respondis, "de la tretado."

Jen iris la fianĉo al la dua kaj demandis ŝin: "De kio vi havas tiun malsupren pendantan lipon?"

"De la lekado", ŝi respndis, "de la lekado."

Jen li demandis la trian: "De kio vi havas la larĝan dikfingron?"

"De la fadenturnado", "ŝi respondis, "de la fadenturnado."

Jen la reĝofilo ektimis kaj diris: "Mia bela fianĉino ne tuŝu de nun kaj neniam plu ŝpinradon."

Per tio ŝi estis liberigita de la aĉa linoŝpinado.

Fonto: Jakobo kaj Vilhelmo Grimm: Infan-kaj domfabeloj, Eldono lastmana, eldonejo Reclam, „Die drei Spinnerinnen"

*tradukis* **Dorothea kaj Hans-Georg Kaiser (Germanio)**

*lingve kontrolis* **Vladimir Türk**

## Xi Murong

# PATRINO KAJ FILETO

Kun levita kapo infaneto diris al ŝi, " Panjo, vi estas la plej bela panjo en la mondo!"

La infaneto estas nur tri-jara, kaj por li la tuta "mondo" estas nenio alia ol la stratetoj ĉirkaŭ la domo. Tamen li tre serioze kaj aŭtoritate reasertis, "Vere, panjo, vi estas la plej bona kaj plej bela panjo en la mondo!" Ridetante, la patrino klinis sin, levis lin per brakoj kaj strikte alpremis lin al la sino. Jes, infano, via panjo scias kaj komprenas, kion vi diris. Ĉar antaŭ multaj jaroj via panjo, kiel vi, diris la samon. Antaŭ multaj jaroj ankaŭ ŝi, kun levita kapo, rigardis sian patrinon kaj ripetis tiun frazon plurfoje. Kiel bela ŝia patrino, kiu ridetante klinis sin al ŝi! Kaj ŝia eta animo pleniĝis de senlima envio kaj amemo.

Plenkreskinte, ŝi eksciis, ke ŝiaj gepatroj vivas nur ordinaran vivon, kiel aliaj ĉirkaŭe. Tamen en la plej profunda loko de sia koro ŝi ankoraŭ tenas la obstinan kredon je la beleco de sia patrino. Kvankam la patrino jam maljununiĝis, tamen ĉiufoje kiam ŝi estis kun sia patrino, ŝi ankoraŭ serioze kaj aŭtoritate diris,"Panjo, vi estas la plej bona kaj plej bela panjo en la mondo!"

*elĉinigis*



**Jatina (Ĉinio)**


_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Retadreso: vejdo@163.com

www.elerno.cn/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_